1ª jaro. 4ª numero.






# BELGA ESPERANTISTO

## Monata Revuo

REDAKTATA DE

Léon CHAMPY, Fr. SCHOOFS,
Jer. VAN LAERE,
VAN DER BIEST-ANDELHOF,
kaj Oscar VAN SCHOOR

**kun la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.**

FEBRUARO 1909

*ENHAVO:*



**UNU NUMERO : Fr. 0.40 = 16 sd.**

ANTVERPENO
(Antwerpen — Anvers)
Eldonejo de FR. SCHOOFS, 49, Kleine Beerstraat (Rue de la Pte Ourse).

# Belga Ligo Esperantista

## ĈIUJARA KOTIZAĴO:

(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE — COTISATION ANNUELLE ):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires . . . . . . . . . . Fr. 1.00

Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) . . . . . . Fr, 10.00

Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs) . - , . . . . . Fr. 25.00

---

## Honora Komitato:

Sroj F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.

Dro V. DESGUIN, Skabeno de la Publika Instruado, Antverpeno.

DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antverpeno.

Dro GASTER, Direktoro de la Germana Lernejo, Antverpeno.

Senatano HOUZEAU DE LEHAIE. Mons.

Frato IZIDORO, profesoro ĉe la Reĝa Instituto de Surdmutuloj kaj de Blinduloj, Woluwe-Bruselo.

Senatano LAFONTAINE, Bruselo.

A. LECOINTE, honora ĉef-inĝeniero de la Belga Maristaro, Bruselo.

Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo, Bruselo.

MOURLON, Direktoro de la Geologia Oficejo, Bruselo.

O. ORBAN, profesoro ĉe la Universitato, Lieĝo.

ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

# AGADA KOMITATO :

Prezidanto : S[ro] Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat (Rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers).
Vice-Prezidantoj : S[ro] A.-J. Witteryck kaj S[ro] Abato Richardson.
Generala Sekretario : S[ro] L. Champy, 21, Lange Herenthalsstraat (Longue Rue d'Herenthals), Antwerpen-Anvers.
Kasisto : S[ro] Osc. Van Schoor, 20, Vondelstr., (Rue Vondel) id.

## Membroj elektitaj de la Ĝenerala Kunveno :

S[roj] L. Champy, (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D[ro] R. Van Melckebeke kaj Osc. Van Schoor (Antverpeno).

## Delegitoj de la Grupoj :

ANTVERPENO (1) (*Antverpena Grupo Esperantista*), S[roj] Ad. Finet, Van der Biest-Andelhof.
» (*La Verda Stelo*), S[roj] J. B. Istace, Fr. Schoofs.
BERCHEM (*Berchema Grupo Esperantista*), S[roj] Ad. Goossens, Ant. Havermans.
BEYNE-HEUZAY (*Antaŭen*), S[roj] Jules Albert, D[ro] Dupont.
BOOM (*Boma Grupo Esperantista*), S[ro] Jules Clerbaut.
BRUĜO (2) (*Bruĝa Grupo Esperantista*), F[ino] B. Ledène, S[ro] A. J. Witteryck.
BRUSELO (3) (*Pioniro*), F[ino] A. Guillaume, S[ro] Oct. Chalon.
HUY (*Esperantista Grupo*), S[ro] H. Thiry.
KARLOREĜO (4) *Karloreĝa Grupo Esperantista*), S[ro] L. Delvaux.
MARIABURG (*Verda Flago*) S[ro] Fr. Willemsen.
MORESNET-BELGA (*La Fidelaj Amikoj de Zamenhof*), S[ro] P. J. Schmetz.
MORESNET-NEŬTRA (*Amikejo*), S[ro] Karl Schriewer.
NAMUR (*Namura Stelo*), S[ro] A. Verbeken.
NIVELLES (*Grupo Esperantista*), . . . .
S[ta] TRUDO (5) (*Excelsior*), S[ro] Fr. Leenen.
» (*Stelo Matena*), S[ro] Pol Stappers.
VERVIERS (*Esperantista Grupo*), S[ro] Jos. Parotte.

---

(1) Antwerpen, Anvers. — (2) Brugge, Bruges. — (2) Brussel, Bruxelles. — (4) Charleroi. — (5) St Truiden, St Trond.

# ESPERANTA GAZETARO

## I. — SPECIALAJ GAZETOJ :

**Oficiala Gazeto Esperantista.** — 5 fr. — *51, rue de Clichy, Paris.*
**La Esperanta Kolektanto.** — 2 fr. — *Weltwarte*, Leipzig S1, (Germanujo).
**Esperanta Ligilo**, en reliefpunktoj, por blinduloj. — 3 fr. — Th. Cart, *12, rue Soufflot, Paris.*
**Espero Pacifista.** — 5 fr. kun laŭvola aligo al la Esperantista Societo de Paco. — Gaston Moch, *26, rue de Chartres, Neully sur-Seine* (Francujo).
**Internacia Pedagogia Revuo.** — 2 fr. 75. — en *Bystrice-Hostyn* (Aŭstrio, Moravio).
**Internacia Scienca Revuo.** — 7 fr. — Internacia Scienca Oficejo, *8, rue Bovy-Lysberg, Genève* (Svisujo).
**Tra la Filatelio**, internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj. — (2 fr.) 2 fr. 50 — Fize, *au Patissou, Béziers* (Francujo).
**Voĉo de Kuracistoj.** — 2 fr. 50. — D^ro^ Stephan Mikolajski, 6, strato Sniadeckic, *Lwow* (Austrio).
**Export-Esperantist.** — (Esp. Angle) 5 fr. — *404, Security Bdlg, Chicago*, Ill. U. S. A.

## II. — ĜENERALAJ KAJ BELETRISTIKAJ GAZETOJ :

**Eĥo Esperantista.** — 2 fr. 50. — J.-H. Schorer, *Wilhelmstrasse, 29, Berlin.*
**Esperanta Internacia Revuo**, industria, komerca, eksporta, filatelia reklama kaj literatura. — 5 fr. 15. — *Ulloi-ul, 59, Budapest.*
**Esperanto**, dusemajna. — (4 fr.) 5 fr. — Librairie de l'Esperanto, *15, rue Montmartre, Paris.*
**Espero** (Ruse), internacia revuo de la kultura unuigo de popoloj, organo de la Societo *Espero* — 10 fr. — *Vjestnik Znania, 147, Nevsky pr., Peterburgo.*
**Juna Esperantisto**, Por junuloj, instruistoj kaj lernantoj. — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, *33, rue Lacépède, Paris.*
**La Bela Mondo**, ilustrata. — (Mk 6) fr. 7,50 — F. Emil Boden, *12, Bismarckplatz, Dresden.*
**Lingvo Internacia.** — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, 33, *rue Lacépède, Paris.*
**La Revuo**, literatura, kun konstanta kunlaborado de D^ro^ Zamenhof. — 7 fr. — Hachette, 79, *rue Saint-Germain, Paris.*
**La Spritulo**, gazeto por ŝerco, humoro kaj satiro, — 3 fr. — Richard Bresch, Körnerstr., 31, *Leipzig* (Germanujo).

## III. — NACIAJ PROPAGANDAJ GAZETOJ :

*Alĝerio* — **Afrika Esperantista** (France). — Senpaga por la membroj de la grupo de Alger. — 4, *rue du Marché, Alger.*
*Aŭstralio.* — **The Australian Esperantist.** — 0 fr. 30 por ĉiu numero. — R. Dossor, *Bridgestreet, Benalla* (Viktorio).
*Aŭstrio* — **Informaj Raportoj** (Germane). — 2 fr. 50. — K. F. Ahlgrimm, *Bandgasse, 31, Wien* VII/1. (Vidu ankaŭ : *Bohemujo).*
*Azia Turkujo.* — **Greklingva Esperantisto.** (Greke-Esp.) — (Piastr. 11.35) 3 fr. — *Samosa Esperantista Societo*, Samos (Azia Turkujo).
*Belgujo.* — **Belga Esperantisto** (Esp., Flandre kaj France) — (4 fr.), 5.00). — Osc. Van Schoor, *20 Vondelstraat, Antwerpen.*
*Bohemujo.* — **Časopis Českych Esperantistu** (Boheme). — (3 Kr.). 3 fr. 75. — *Praha II.*
*Bohemujo.* — **Bohema Esperantisto** (Esp., kaj Boheme). — 4 fr. 25. — Red., *Praha III*, 495 (J. Iglauer), Adm., en *Jeviĉko* (Aŭstrio, Moravio).
*Brazilo* — **Brazila Esperantisto** (Portugale), — 6 fr. — *Largo de S. Francisco de Paula*, 4, Sob., *Rio de Janeiro.*
*Britujo.* — **The British Esperantist** (Angle). — (3 ŝil.). 4 fr. — *Museum Station Buildings*, 133-136, *High Holborn Londen. W. C.*
*Britujo.* — **La Esperanta Instruisto** (Angle). — (1 ŝ. 6 p.). 2 fr. 50. — *Stead's Publishing House*, 39 *Whitefriars street Londen, E. C.*
*Britujo.* — **La Londona Gazeto** (Angle). — C. A. Fairman, 70. *Romola-road, Herne Hill*, London S. E.
*Bulgarujo* — **Lumo** (Bulgare). — (3 fr. 50) 5 fr. — *Tirnova.*
*Ĉilo.* — **Ĉilo Esperantista** (Hispane) — 2 fr. — *Casilla* 1989, *Santiago.*
*Ĉilo.* — **La Du Steloj** (Hispane). — 5 fr. — 1437, *calle de la Catedral, Santiago.*
*Ĉilo.* — **Esperantaj Skribajoj** (Hispane). — 1 fr. — *Casilla* 1284, *Santiago.*

1ª JARO FEBRUARO 1909. 4ª NUMERO.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO,

redaktata de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, Jer. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

Belglando . . . Fr. 4.— (Sm. 1.60)
Eksterlando . . . Fr. 4.50 (Sm. 1.80)
Unu numero . . . Fr. 0.40 (Sm. 0.16)

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen-Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20. Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Kuraĝigaĵoj.

Plezure ni konstatas la daŭrigan simpatian akcepton faritan al nia revuo.

Ne nur la esperantista presaro tre favore salutis ĝian aperon, sed ni ricevis plie, krom la jam publikigitaj leteroj, gratulantajn atestojn de multaj aliaj eminentaj samideanoj. El niaj eksterlandaj korespondantoj ni citos : S^roj^ D^roj^ **P. Corret** (Parizo), **Prof Otto Simon** (Vieno), **Bolingbroke-Mudie** (Londono), **P. J. Kelly** (id), **Rafaelo Bagnulo** (Napolo), **Kapitano Vincente Inglada** (Valencio), **Evstifeïeff** (Sofio) kaj **Prof. Christaller** (Stutgarto).

Tutkoran dankon al ĉiuj ! **B. F.**

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Raporto pri la komitata kunveno, okazinta en Bruselo, je la 24ª de Januaro 1909, en salono de la « Café des trois Suisses ».*

S^ro^ **Van der Biest-Andelhof**, prezidanto, malfermas la kunsidon je la 10 1/2a matene.

Ĉeestas : S^roj^ L. Champy, Komandanto Duverdyn, Abato Richardson, Fr. Swagers kaj O. Van Schoor, delegitoj de la ĝenerala kunveno ;

S^ro^ Van der Biest-Andelhof kaj Ad. Finet (Antverpena Grupo Esperantista),— Fr. Schoofs kaj J. B. Istace (Verda Stelo), — J. Albert (Antaŭen Beyne-Heuzay),— Cam. Babilon, anstataŭanta S^ron^ J. Clerbaut (Boma Grupo)

— Fino B. Ledène kaj Sro A. J. Witteryck (Bruĝa Grupo Esperantista).— Fino A. Guilliaume kaj Sro Oct. Chalon (Pioniro, Bruselo). — L. Delvaux (Karloreĝa Grupo Esperantista). — Pol Stappers (Stelo Matena, Sta Trudo) — kaj J. Parotte (Esperantista Grupo, Verviers).

Senkulpiĝis : Sroj Dro F. Van Melckebeke, Dro Dupont kaj Verbeken.

**Sro L. Champy**, sekretario, legas la raporton pri la lasta kunveno kiu estas aprobata post ŝanĝo postulita de Sro Chalon. Anstataŭ ol « la Lingva Komitato ne havas sufiĉan aŭtoritaton.... » oni legu : « la Lingva » Komitato kaj ĝia Akademio havas nenian rajton por solvi la lingvan » demandon, ĉar, elektita, sen speciala programo, de kelkaj centoj da kon» gresanoj en Boulogne - sur - Mer, ĝi ne havas sufiĉan aŭtoritaton por » decidi ion ajn je l' nomo de l'tuta esperantistaro. »

Oni pridiskutas la tagordon.

1° *Enkonduko de Esperanto en la Publika Instruado.*

Post longa diskutado pri diversaj proponoj en kiu partoprenas Sroj Van der Biest, Albert, Parotte, Chalon, Witteryck, Swagers, Van Schoor kaj Champy, la kunsido akceptas la proponon de Sro Champy : kolekti la necesajn dokumentojn kaj sendi al la ministro de Sciencoj kaj Artoj detalan raporton pri la nuna stato de Esperanto, kaj peti lin ke li bonvolu ekzameni la eblecon enkonduki Esperanton en la lernejoj ; — samtempe oni submetos la demandon al la proksima kongreso de instruistoj kaj al ĉiuj societoj kiuj sin okupas pri instruado, por ke ili apogu nian peton al la Ministro. Laŭ la opinio de Sro Champy oni devos, ĉiujare, sendi novan raporton ĝis kiam oni sukcesos.

2° *Nia agado okaze de la Ekspozicio de 1910 en Bruselo.*

**Sro Swagers** enkondukas tiun punkton. Li proponas la starigon de konstanta oficejo en la Ekspozicio mem, por havigi al la vizitontaj ĉiajn utilajn sciigojn kaj por agrabligi, kiel eble plej multe, ilian ĉeestadon en nia lando.

Post diskutado en kiu partoprenas Sroj Van der Biest, Chalon, Witteryck kaj Champy oni akceptas principe la proponon de Sro Swagers. Oni decidas peti la konsilojn kaj la apogon de la Centra Oficejo. Plie Sro Champy deziras ke oni sin turnu ankaŭ al la fabrikantoj de esperantistaj komercaĵoj.

3° *Literatura konkurso.*

**Sro Swagers** proponas ke la Ligo organizu konkurson pri esperantistaj noveletoj, celantan stimuladon kaj elvokantan literaturan movadon inter la belgaj esperantistoj.

Unuvoĉe oni akceptas la proponon. La financa flanko tuj estas solvata de **Sro Witteryck**, kiu konsentas pagi la premiojn. Li deziras verkigi originalajn monologojn, ampleksajn maksimume je du paĝoj laŭ la formato de « Belga Esperantisto ». La premioj estos 25, 15 kaj 10 frankoj. La premiitaj verkoj restos la posedaĵo de Sro Witteryck. La juĝantaro de la konkurso estos tiu de la ekzameno por la akiro de atesto pri profesora kapableco.

Oni petos la redakcion de « Belga Esperantisto « enpresi la kondiĉojn pri la konkurso (1).

**Sro Van der Biest**, prezidanto, esprimas la dankon de la kunsidantaro al Sro Witteryck pro la nova provo de lia sindona al Esperanto.

4° *Starigo de la Lingva Komisio.*

Ĉar la numero de « Belga Esperantisto » kiu entenas la klarigojn donitajn de Sro Swagers, pri tiu punkto, ne jam aperis, oni ne povas utile pridiskuti la demandon kaj oni interkonsentas prokrasti la decidon pri tio ĝis la proksima kunveno.

---

(1) Vidu paĝon 76.

5° *Generala kunveno de la Ligo.*

S^ro^ **Parotte** proponas ke ĉiujare la ĝenerala kunveno okazu en alia urbo. La ĉeestantaro aprobas tiun ideon kaj decidas ke oni kunvenos en Verviers dum la venonta somero.

6° *Revizio de la regularo pri la ekzameno. Baloto de la juĝantaro.*

Post kelkaj proponoj de S^ro^ **Van der Biest**, kiuj ne postulas longan diskutadon, oni akceptas la regularon aldonitan al tiu ĉi raporto. kies enpreso estos petata en « Belga Esperantisto. »(1)

Kiel efektivaj membroj de la juĝantaro estas elektataj :

S^roj^ A. J. Witteryck, Luc. Blanjean kaj Fr. Swagers.

Kiel anstataŭantaj membroj :

F^ino^ B. Ledène, F^ino^ A. Guilliaume kaj S^ro^ Ad. Finet.

7° *6^a^ Tutmonda Esperantista Kongreso.*

**La Prezidanto** anoncas ke la VI^a^ tutmonda esperantista kongreso okazos en Chautauqua (Usono) dum 1910.

Konsekvence tiu kongreso ne estos en Antverpeno, kiel estis anoncita en Dresdeno.

La kunsido disigas je la 13^a^ horo.

La Ĝenerala Sekretario,
LÉON CHAMPY.

---

# ATESTO PRI PROFESORA KAPABLECO

En sia kunveno de la 24^a^ de Januaro 1909 la komitato de la B.L.E. reviziis la regularon pri la ekzameno por akiro de « atesto pri profesora kapableco. »

La ekzamenoj okazos ĉiufoje kiam minimume 5 kandidatoj (aŭ kandidatinoj) sin prezentos ; la juĝantaro kunsidos en urbo difinota de la Prezidanto de la Ligo.

La ekzameno estos duobla ; la unua parto estos skriba kaj la dua voĉa.

La kandidat(in)o, kiu malsukcesas en la unua parto, ne estos kunvokata por la dua.

## PROGRAMO

**Skriba ekzameno** (sen helpo de vortaro).

Traduko el Esperanto en nacia lingvo.

Traduko el nacia lingvo en Esperanto.

Letero laŭ difinita objekto.

**Voĉa ekzameno**

Traduko el Esperanto en nacia lingvo kun demandaro pri la enhavo de la teksto kaj la gramatikaj malfacilaĵoj.

Flua interparolado.

Instruado pri gramatika punkto aŭ vortformado.

N. B. Antaŭ la prezento de la leciono, la kandidat(in)o povas prepari sin dum unu horo.

---

(1) Vidu ĉi sube.

KONDICOJ

La kandidat(in)o estos almenaŭ dek-okjara.

Ĉiu membro de la ligaj grupoj aŭ de la Ligo povas partopreni en la ekzameno.

La enskribo kostas 10 frankojn. Je okazo de malsukceso la nova enskribo estos senpaga.

La kandidat(in)o sciigos kiun nacian lingvon li aŭ ŝi elektos.

JUĜANTARO

La juĝantaro enhavos tri efektivajn kaj tri aldonitajn membrojn, elektitajn de la komitato de la B. L. E. por tri jaroj.

La juĝantaro por la jarserio 1909-1912 estas kunmetita jene :

**Efektivaj membroj :** Sroj A. J. Witteryck, L. Blanjean kaj Fr. Swagers.

**Aldonitaj membroj :** Finoj Anna Guilliaume, Bertha Ledène kaj Sro Ad. Finet.

La enskriboj estos adresataj plej malfrue 5 tagojn antaŭ la ekzameno al la Prezidanto de la B. L. E., Arendstraat 26, Antwerpen (Rue de l' Aigle 26, Anvers).

La kosto de la enskribo estos pagata en la loko mem de la ekzameno ; tiun lokon montros la kunvoko.

**Bruselo**, la 24n Januaro 1909.

Je l' nomo de la B. L. E. :

La Ĝenerala Sekretario, LÉON CHAMPY.

La Prezidanto, VAN DER BIEST-ANDELHOF.

## Literatura Konkurso

*Por la abonantoj de Belga Esperantisto kaj por ĉiuj membroj de la Belga Ligo.*

**Kondiĉoj :** 1e Oni verku novan originalan *monologon*, taŭgan por esti deklamata dum esperantistaj grupaj festoj.

2e La monologo povas esti longa maksimume du paĝojn 16×25 (formato de « Belga Esperantisto »).

3e La konkursontoj ne povas skribi sian nomon sur la verkajon, sed *devizon aŭ ian ajn signon*, kiu devas ankaŭ esti skribita sur kunmetita sigelita leterkovrilo en kiu ili enfermos bileton portantan ankaŭ la devizon kaj sian adreson.

4e La verkoj devas esti sendataj, antaŭ la *25an de Majo*, al Sro Van der Biest-Andelhof, Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, 26, Arendstraat (Rue de l'Aigle,) Antwerpen (Anvers).

Tri premioj estos aljuĝataj ; nome :

1ª premio : 25 frankoj
2ª » 15 »
3ª » 10 »

La gajnantoj ricevos, krom tiujn premiojn, honoran diplomon de la Belga Ligo.

La premiotaj verkaĵoj iĝos la propraĵo de S^ro A. J. Witteryck, Vic-Prezidanto de la Belga Ligo, kiu afable bonvolis donaci la premiojn.

La juĝantaro de la konkurso konsistos el : S^roj SWAGERS, BLANJEAN kaj FINET.

La nomoj de l' gajnantoj estos publikigataj en la *Junia* numero de « Belga Esperantisto » kaj la premioj estos disdonataj dum la proksima BELGA KONGRESO, kiu okazos dum la somero de tiu ĉi jaro.

---

# LA EFEKTIVIGO DE LA ĜENERALA INTERKONSENTO

Kun ĝojo la fidelaj Esperantistoj vidas ke fine ĉiulande la principo *interkonsente antaŭen* venkas kaj regas. Iom post iom la paco reunuiĝas la diversopiniajn batalantojn, kaj jam kelkaj tro frue eksiĝintaj samideanoj revenis en niajn vicojn, kie ni bezonas la bonvolan konsilon de la plej fervora progresemulo tiel kiel tiun de la plej fidela fundamentano.

Alia ĝojiga fakto estas ke diversflanke oni proponas rimedojn por interkonsente reguli la evolucion de Esperanto.

Mi kore aplaŭdas ĉiujn tiajn rimedojn, kaj persone mi estas preta forlasi mian proponon (Vidu la 2an non de la Belga Esperantisto, p. 42) por akcepti kaj eĉ propagandi tiun, kiu klare prezentus s'n kiel la plej bona.

Mia artikolo *Interkonsento* jam aperis, kiam mi konatiĝis kun la propono de S^ro D^ro H. Sentis. Mi plezure rimarkis ke ni ambaŭ elpensis nian interkonsentigan sistemon laŭ kaj pro la sama tialo, kaj celas la saman ĝeneralan pacigon inter la progresemuloj.

Nur niaj agmanieroj estas malsamaj. S^ro Sentis konsilas : krei specialan gazeton ; pridiskuti la reformojn en ĝi ; post voĉdono enkonduki ilin unu post la alian, almenaŭ en la artikolojn de tiu ĵurnalo ; post unujara uzado, kaj post alia voĉdono submeti ilin al la sankcio de la Lingva Komitato ; — la voĉrajtaj personoj estante elektotaj kompetentuloj.

Unuapripense, la propono de S^ro Sentis plaĉas. Ĉar, kompreneble, se ĉiu kompetenta Esperantisto en la mondo apogus lin kaj kunfarus la de li proponitan gravan laboron, la antaŭenmarŝo de Esperanto estus regula, sana, potenca.

Sed... la rezultato praktika estos nepre ne tiel rozkolora. Car :

1e la bonintencaj cirkuleroj de S° Sentis malfacile atingos la ĉiulandajn kompetentulojn ; nur post multaj monatoj ili sukcesos unuigi aron, sed neniel sufiĉe grandan ;

2e) la starigota gazeto iĝos vera diskuta kaj disputa ĵurnalo, publika esperanta disputejo ;

3e) sekve, oni baldaŭ vidos ke malkontentigitaj proponintoj forlasas la ĵurnalon kaj starigas alian (malamikan !) por defendi siajn reformojn ;

4e) tial ke fine, en Francujo kaj en aliaj landoj, ekzistos multo da tiaj disputaj organoj, la granda publiko amuzos sin pro tia ridinda Esperantista presaĵaro kaj la propagando por nia lingvo ne estos plu ebla.

Plie, la sperto sufiĉe klare pruvis ke lertaj kleruloj povas fari belan sciencan laboron, sed, malgraŭ tio, esti neniel praktikemaj. Kvankam, laŭ la regularo de S<sup>ro</sup> Sentis, mi, kiel aŭtoro aŭ duagrada profesoro, havus voĉrajton en tiu aro da plibonigontoj, mi humile konfesas ke ordinara samideano okaze povas havi pli simplan, kaj tial ofte pli praktikan ideon ol mi.

Aliparte, la proponita unujara uzado de iu reformo en tia ĵurnalo pruvos nenion, se, kiel estos eble, nur samlandanoj aŭ samlingvanoj uzos ĝin.

La de S<sup>ro</sup> Sentis principe tiel bone elpensita efektivigo de l'interkonsento bedaŭre ne taŭgas, ĝi tute ne estos sufiĉe ĝenerala, kaj, pro sia publikeco pri la diskutoj, ĝi grave malhelpos la aktivan propagandon, kiun ni tiom nepre bezonas.

Ĝis nun mi ĉiam insistas pri mia propono, plibonigota aŭ ne. Ke la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio ekzamenu, komparu kaj decidu !

En la Esperantistaro ĝenerala estraro ekzistas, kiu povas vivi kaj vivigi. Ni deziras ke, per baldaŭa ekago, ĝi kontentigu la progresemulojn kaj renasku la ĝeneralan pacon inter la Esperantistoj. FRANS SWAGERS.

---

## Al la Legantaro de « Belga Esperantisto »

*Karaj Samideanoj belgaj kaj ĉiulandaj,*

La fondintoj de nia nova revuo invitis min sendi al « B. E. » artikolojn pri la blinduloj, se eble ĉiumonate.

Plezure kaj danke mi akceptas la inviton : danke, ĉar kiel en ĉiuj landoj, tiel ankaŭ en Belgujo, la blinduloj estis de la komenco la tre amataj infanoj de la Esperantistaro ; plezure, ĉar per tiaj artikoloj mi esperas sukcesi konatigi al

pli multaj homoj la interesplenajn blindulojn, kaj tiamaniere kunhelpi al la plibonigo de ilia sorto ; plezure ankaŭ, ĉar en tia laboro mi sendube trovos ilon por disvastigi nian karan lingvon inter la tutmondaj nevidulој.

Mi penados kontentigi nian legantaron, ne montrante al ĝi plendindajn malfeliĉulojn, sed kuraĝplenajn infanojn kaj homojn, kies nura celo estas trovi la feliĉon per laboro, arto kaj scienco, per plenumo de ĉiaj devoj, per la volo sin igi utilaj membroj de la homaro.

Plej ofte se ne ĉiam, tiuj artikoloj estos elĉerpitaj el iliaj interkorespondoj ĉiulandaj, ĉar jam de nun, ne pasas monato, dum kiu la Woluwa Esperantista Blindulgrupo ne ricevas leteron de fremdlandaj samsortanoj.

Car ni povas esperi, ke B. E. estos legata en ĉiuj landoj, la blindaj Esperantistoj ĉiulandaj baldaŭ konatiĝos kun ni kaj fervore helpos nin por diskonatigi tra la tuta mondo la tutmondan blindulagadon.

En la landoj, kie Esperanto estas ankoraŭ nekonata de la blinduloj, la Esperantistoj mem, sen ia dubo, helpos nin varbi samideanojn el siaj blindaj samlandanoj.

Pro tio, mi petas vin, vin precipe, ĉiulandaj kunfratoj pro blindeco, respondi la sekvan demandaron, kaj sendi tiujn informojn al la

*Woluwa Blindulgrupo Esperantista*
*Woluwe-Bruxelles* :

1e Kiom da blinduloj estas en via lando ?
2e Kiom da blinduloj estas en lernaĝo (6-ĝis 20 jaraj) ?
3e Kiom da blinduloj en lernaĝo estas en la specialaj institutoj ?
4e Kiom da institutoj ekzistas en via lando ?
5e En kiuj institutoj la blinduloj lernas Esperanton ?
6e Cu ekzistas revuoj por aŭ pri la blinduloj ?

En numero proksima la Woluwa Blindulgrupo respondos tiun demandaron pri Belgujo. En sekvanta numero mi intencas publikigi tiun statistikon pri ĉiuj landoj el kiuj ni ricevos respondon.

Car kredeble tiu numero estos sendita al ĉiuj ĉefaj blindulejoj, jen estas kelkaj informoj utilaj :

a) Sro CART, Rue Soufflot 12, en Parizo, eldonas monatan revuon, Braille presitan por la blinduloj, « Esperanta Ligilo » ; abonprezo por ĉiuj landoj : 3 frankoj.

b) Esperantaj lernlibroj estas aĉeteblaj ĉe Sro CART ; kaj ankaŭ ĉe la Woluwa Reĝa Blindulejo, Woluwe-Bruselo. Katalogo aperos en sekvanta numero.

c) Skribtabuleto per Braille (malgrandaj literoj) kaj per belga punktskribo (por skribi al viduloj, sistemo de fr. Izidoro) estas aĉetebla ĉe la sama Woluwa Blindulejo, prezo 19 fr. (sendo afrankita).

d) De la 30ª de Marto ĝis la 3ª de Aprilo 1909ª okazos en Napoli (Italujo) tutmonda kongreso por la plibonigo de l'blindulsorto. La Itala lingvo estos la oficiala, sed ĉiuj lingvoj estos permesataj, do ankaŭ Esperanto. Ni profitu el tiu grava okazontaĵo por disvastigi nian ideon inter la tutmonda blindularo. Spaco mankas por konatigi tie ĉi la oficialan demandaron. Por ĝi oni skribu al Sro Martuscelli, Direktoro de l'Napola Blindulinstituto, sed oni povas priparoli aliajn temojn. Mi insiste invitas la blindajn Esperantistojn kaj la blindul-instruistojn ke ili sendu al tiu kongreso, en Esperanto kaj en sia nacia lingvo, petskribon por ke ĉiuj blindulejoj akceptu Esperanton sur siaj programoj. Ju pli multnombraj estos tiuj petskriboj, des pli efikaj ili estos ĉe la kongresanoj,

Kiuj esperantistaj grupoj volas subskribi la jenan deziresprimon, kiu estas sendota al la Kongreso?

« La subskribinta esperantista grupo, konsiderante kiom
» efika estus internacia lingvo por plibonigi la sorton de
» l'blindularo petas la Napolan kongreson esprimi la deziron
» ke Esperanto estu skribata sur la programon de ĉiu
» blindullernejoj. »

Fr. IZIDORO,
profesoro ĉe la Reĝa Blindulejo de
Woluwe-Bruselo.

---

## Impresoj de Angloj pri Antverpeno.

Revenante de l'Dresdena kongreso, okdeko da anglaj Esperantistoj haltis dum unu tago en Antverpeno. Jen' mi tradukas el « British Esperantist » la rakonton de Fino Margaret Jones pri tio, kion niaj anglaj samideanoj vidis kaj sentis en la Skeldurbo.

. . . . . . . . Je la 7ª matene, la plimulto el ni estis sur la ferdeko, enspirante la freŝan aeron, kaj post la matenmanĝo ni trairis la urbon ĝis la Centra Stacidomo. Tiuj, kiuj neniam vizitis fremdajn landojn, ne havas klaran ideon pri la belegeco de l'stacidomoj, kiujn ni vidis. En Hamburg 'o, Dresden 'o, Nurnberg 'o, k. c., ili estas tre rimarkindaj, sed la Antverpenanoj precipe povas plenrajte fieri pri sia Ĉefstacidomo. Ĝi ja ŝajnas marmora palaco pli ol loko por alveno aŭ elveturo de vagonaroj. Ĉe l' enirejo estis Antverpenaj samideanoj, kiuj kondukis nin en la luksan atendejon unuaklasan, kie Sro Van der Biest deziris al ni bonvenon.

Kiam ni, post interkonatiĝo, forlasis la halon, pluvegis; sed post unu horo la suno reaperis kaj ebligis al ni veturi al la belega Urbestra Domo. Poste ni piediris al la Muzeo

Plantin, la devenejo de l'Antverpena presarto. La interesaj kolektoj estis klarigataj al ni de l'Antverpena Esperantisto S[ro] Finet. La admirinda antikva domo Plantın 'a ŝajnas ankoraŭ tiel nova kaj fortika kiel estis tiu gastama hotelo dum la 16[a] jarcento. Alrigardante denove ĝiajn pargetojn, murojn kaj meblaron, mi pripensis la ĝojon kiun ĉi ĉio estus doninta al Ruskinite. Kiom Plantin devis ami tiun arton kaj siajn librojn, kaj kiom li zorgadis la boneston de siaj kunlaborantoj, kies nomojn oni ankoraŭ legas ĉe la muroj de l'multaj laborĉambroj ! La beleta interna ĝardeneto kaj la korto klare esprimas la vivserenecon de l'malnovaj tempoj ; tial multaj el ni bedaŭre forlasis la muzeon por viziti ceterajn vidindaĵojn.

Por la tagmanĝo nia aminda gvidisto estis invitinta lokajn amikojn kaj eĉ prizorginta specialan manĝon por la vegetaranoj. Unuvorte, ni konfesu ke la delikateco kaj gastemeco de niaj samideanoj en ĉiuj urboj estis admirindaj kaj meritas pli ol simplan citaĵon.

Post la tagmanĝo ni vizitis la urbmuzeon, kies famajn pentraĵojn kaj belegajn skulptaĵojn ni admiregis. Ni diru ankaŭ ke same estas tre admirindaj la murpentraĵoj de l'Urbestra domo. Senkontraŭdire, Antverpeno devas esti citata inter la plej artoplenaj urboj.

Poste, antaŭvespere, ni alveturis al la Zoologia Ĝardeno kiun ni vizitis po duonprezo, dank' al la zorgemo de niaj Antverpenaj amikoj. La kolekto estas vere admirinda bestaro ; sed pri kio ni plej miris estis la arta gusto kaj la pureco nin atentigantaj en ĉiuj loĝejoj de l'mambestoj, birdoj kaj rampobestoj.

Poste ni revojiris al nia ŝipo por vespermanĝi. Fine ni pasigis la vesperon en la urbo, vizitante magazenojn aŭ aŭskultante belan muzikon en publikaj placoj. Cetere la Ĉefpreĝejo nin treege atentigis.

Enlitiĝante ni ankoraŭ ĝuis la memoradon de interesa tago, bone plenigita kaj agrable pasigıta.

JER. V. L.

—⟩—⟩—·—⟨—

# Esperanto facila

## *En Tramveturilo*

La vetero estis malbona : la vento forte blovis, kaj la pluvo, per multaj hektolitroj da akvo, penis (1) purigi la stratojn de la malpura suburbo(2), kien miaj aferoj vokis min tiun matenon.

Kiam mi povis reiri al la urbcentro, mi rapidis al tramhaltejo· Tie atendis jam maljuna kamparano, vestita per blua tola kitelo(3) kaj portanta nigran korbon. Tuj kiam li ekvidis min, li ekkriis per tondra voĉo kiel al de longe konata amiko : « Ha ! ĉu vi volas ankaŭ vojaĝi kiel barono ? »

Sen respondi, sed ridetante, mi rigardis la maljunulon. Li havis nek barbon, nek liphararon(4); speciala nazo regis inter malgrandaj, grizaj okuloj. Ho ! kia stranga nazo ! Longa, tre maldika, kun vastaj flankaĵoj, vere kiel tranĉilo. Fidele, laŭ malnova kutimo(5), mi baptis tiun viron Esperante : *Tranĉilulo*.

Dume, la kamparano daŭrigis brui. « Jen ! » kriis li al aliaj tramvojaĝontoj, « jen alvenas nia aŭtomobilo ! « Kaj forpuŝante ĉiujn, levante la nigran korbon, li unue ensaltis en la haltantan elektran tramveturilon.

Post li, supreniris bela sinjorino, poste mi kaj aliaj vojaĝontoj. La du internaj benkoj de la veturilo estis jam preskaŭ tu'e okupataj. Sed Tranĉilulo ekkriis laŭte al mi : « Rapidu, rapidu, sinjoro, tie ĉi estas ankoraŭ loko por vi ! ».

Mi sidiĝis do inter la bela virino kaj la kamparano. Kiam venis al ni la kondukisto, la belulino dolĉavoĉe petis : « Ĝis la fino de la vojo ? »

« Kostas dek-kvin centimojn », diris la kondukisto, donante bileton.

La virino pagis per du moneroj dą dek centimoj, lasante kvin centimojn kiel trinkmonon al la kondukisto. Tranĉilulo tre atente rigardis la pagon, laŭte ridante, kiam la kondukisto ĝentile levis la kepon.

« Saman bileton por mi », mi petis.

Sammaniere(6) mi pagis kaj donis trinkmonon ; sama ĝentileco(7) de la kondukisto, sama atento kaj rido de Tranĉilulo.

« Ĝis la ekstremaĵo(8) de la vojo », tiu ĉi diris ; sed. post ricevo de la bileto, li nur donis 10 centimojn.

« Tia bileto kostas 15 c. », mire diris la kondukisto.

« Ho ! ho ! » ridis Tranĉilulo », ĉiu el tiuj ĉi biletoj kostas nur 15 c. ! Kiom kostas la tri biletoj kune ? — 45 c. De la sinjorino, de mia amiko kaj de mi vi ricevis kune 50 c. Pro kio do vi plendas ?

La miro de la kondukisto ŝanĝiĝis en koleron.

« Cu vi intencas pagi 5 c. plie, aŭ redoni la bileton ? » li kriis.

« Nu, nu trankvile ! » diris Tranĉilulo, mi me estas riĉa, mi ne posedas la faman azenon Briklebrit(9), mi nur provis vidi vian bonan koron. Jen ankoraŭ 5 c.

Kaj, dum la kondukisto daŭrigis sian laboron, Tranĉilulo amike murmuris en mia orelo :

« Estas la regulo, ĉu ne ? La urbanoj ĉiam volas trompi la kamparanojn, do ni havas la rajton trompi vin ankaŭ. Jen ! tiun ĉi matenon, mi jam enspezis kelkajn frankojn, aĉetinte(10) en la urbo cent konservitajn ovojn, kaj vendinte ilin tie ĉi tre facile je la prezo de tutfreŝaj. Ha ! ha ! ha ! »

Ĵus en tiu momento, maljuna virino eniris la veturilon kaj serĉis lokon. Mi lasis al ŝi la mian, dirante ke la kamparano klarigos(11) al ŝi sian sistemon por rapide riĉiĝi, kaj mi iris sur la platformon, por fumi cigaron.

KLARIGOJ : 1) peni, zich moeite geven, *s'efforcer*. — 2) suburbo, *voorstad, faubourg*. — 3) tola kitelo, *lijnwaden kiel, sarrau en toile*. — 4) liphararo, *snor, moustaches*. — 5) kutimo, *gewoonte, coutume*. — 6) sammaniere, *op dezelfde wijze, de la même manière*. — 7) ĝentileco, *beleefdheid, politesse*, — 8) ekstremaĵo, *uiteinde, extrêmité, bout*. — 9) Briklebrit, azeno kiu sputas oron, vidu « Fabeloj de fratoj Grimm. » 10) aĉetinte, *daar ik gekocht had, gekocht hebbende, ayant acheté*, — 11) klarigi, *uitleggen, expliquer*.

SKALDO.

---

# BELGA KRONIKO. (1)

**ANTVERPENO. Centra Komitato.** Per la iniciativo de la Antverpenaj grupoj fondiĝis antaŭ kelkaj semajnoj **Esperantista Ĥorkantistaro**, en kiu partoprenas kvardekon da anoj, sinjorinoj kaj sinjoroj. Ĝia direktanto estas S^ro^ Ant. Gohr, kiu kvankam ankoraŭ juna, estas jam tre favore konata en la Antverpena muzika mondo.

Ni firme esperas - kaj cetere ne dubas pri tio - ke la novstarigita rondo, sub la lerta direktado de S^ro^ Gohr, rapide prosperos kaj plene sukcesos.

— **Antverpena Grupo Esperantista**. Sabaton, la 6^an^ de la nuna monato, la membroj de la A. G. E. ĝoje prifestis la 6^an^ datrevenon de la starigo de sia societo, la plej malnova simila el la lando. Je tiu okazo festeno kunigis ilin grandare en la bela kongolanda salono de la « Taverne Royale ». Je l'deserto S^ro^ Van der Biest - Andelhof esprimis entuziasman toaston al S^ro^ Zamenhof, — S^ro^ D^ro^ R. Van Melckebeke plezure konstatis la floradon kaj la potencon de la grupo en kies starigo li partoprenis kaj trinkis je ĝia daŭriga prosperado ; la subskribinto memorigis la unuajn paŝojn de la societo, ĝian konstantan antaŭenirado kaj la rimarkindajn akiritajn rezultatojn Li esprimis varman dankon al ĉiuj kunlaborantoj kaj protektantoj kiu ĝin favoras, precipe al S^ro^ D^ro^ Van Melckebeke, kiu ĝis dum la lasta tempo ĝin prezidis.

La festo estis intermiksata de ĝojaj interparoladoj kaj kantoj. Ĝi finis tre malfrue ! — per tre amuza inproviziita balo.

Ĉiuj partoprenintoj longtempe agrable memoriĝos pri la bela festa kunveno de la 6^a^ de Februaro 1909.

**BRUĜO.** Tre sukcesinta festo kunigis la 10^an^ de Januaro la membrojn de la tiea grupo. La kokete presita programo citas muzikaĵojn luditajn de F^ino^ S. Huisman kun S^ro^ Dierckx, melodiojn kantitajn de S^ro^ A. Goossens

---

(1) La grupoj estas petataj sendi siajn informojn plej malfrue antaŭ la 8^a^ de ĉiu monato al la subskribinta raportanto, *20 Strato Vondel, ANTVERPENO.*

kaj rimarkindan paroladon de S[ro] Leŭtnanto Speybrouck pri la Aerveturado. Nova kurso baldaŭ estos malfermata en Bruĝo.

**BRUSELO**, **Pioniro**. La ĉiusemajnaj kunvenoj de tiu vigla grupo estas daŭrige tre interesplenaj. Dum la lasta tempo oni tie faris paroladojn kaj legadojn pri la jenaj temoj: *Tra montoj kaj valoj* (S[ro] Chalon), *Pri papilioj* (F[ino] De Luyck), *Laborado estas vivo* (S[ro] Blanjean), *La heredantoj de onklo Daman* (S[ino] Staes), *La haveno de Bruselo* (S[ro] Maisonpierre, *La Tercura Mano* (F[ino] Moreau), *Pri fama Brusela pedagogo* (Ab. Richardson).

Kelkfoje la tagordo nur citas: Interparolado sen programo. Tiam la grupanoj ekzerciĝas en la praktika uzado de nia kara lingvo, priparolante la lastajn okazintajojn aŭ la diversajn faktojn de la ĉintaga vivo.

— La jurnalo «Le Patriote», kiu diversfoje distingiĝis per sia frenezaj atakoj kontraŭ Esperanto, enpresas en sian numeron de 1-2 Januaro tre energian artikolon de nia fervora kunlaboranto S[ro] Abato Richardson, kiu tre taŭge defendas la celon kaj la agadon de Esperanto.

**NEŬTRA MORESNET'O. AMIKEJO**. La festa kunveno, kiu tie okazis la 27an de Decembro kaj pri kiu ni parolis en la du antaŭaj numeroj de B. E., estis vere internacia rendevuo de Belgoj, Germanoj kaj Neŭtranoj. Delegitoj el Antverpeno, Verviers, Beyne-Heuzay, Belga Moresnet'o, Dusseldorf'o, Kolonjo kaj Aĥeno konatiĝis kaj kunfratiĝis kune kun la samideanoj el la ĉarma urbeto Moresnet'o.

Post komuna tagmanĝo en la hotelo Bergerhoff okazis tre bela koncerto en la elegante ornamita festĉambrego de la hotelo. Komedioj alternis kun monologoj kaj kantoj. La interpretintoj estis grupanoj el Amikejo kiuj ludis «*la Renkonto.*» el Belga Moresnet'o (*la Gasto*),— el Verviers (*En la poŝtoficejo*). S[ro] Balthazar, el Beyne Heuzay, estis tre aplaŭdata pro sia monologo *la Pipamanto*. Grandan sukceson rikoltis F[inoj] Tviseno kaj J. G. — la ĉarma fraŭlineto Maria Crahay el Amikejo, al kiu, meze de entuziasmaj aplaŭdoj, S[ro] Van der Biest, prezidanto de la Belga Ligo Esperantisto prezentis bukedon kaj fine S[ro] Karlo Schriewer, la lerta, fervora kaj amata prezidanto de la Amikeja grupo al kiu ĉefe revenas la sukceso de la bela festo.

Ni ne forgesu la elokventajn salutojn de S[roj] Schriewer, Ph. Keller (Aĥeno) kaj Schmetz (Belga Moresnet'o).

La koncerto finis per la «Espero» kaj la «Himno de Amikejo», ĥore kantitaj de la multnombra ĉeestantaro. La Amikeja himno estas verkita de juna kaj talentplena samideano el Aĥeno, kiu modeste sin kaŝas sub la pseŭdonimo **PEKA**.

La proksima landlima festo okazis dum la Printempo, verŝajne en Aĥeno. Antaŭ tiu tempo estos organizita federacio, en kiu partoprenos grupoj el la Rejnregiono, Holanda Limburgo kaj la provinco Liego.

**HOBOKEN**. La societo «Ligo de la diplomuloj de la industria lernejo Cockerill organizis tre sukcesintan feston je Dimanĉo la 10[an] de Januaro en la festĉambrego de la kafejo «Hof van Hoboken».

Je tiu okazo, S[ro] Prof. Ad. Finet el Antverpeno faris tre interesan paroladon pri Esperanto. Li priparolis la necesecon de lingvo internacia kaj la superecon de Esperanto, la simplecon, logikecon kaj belsonecon de la Zamenhofa lingvo, — la grandan disvastiĝadon kiun ĝi jam akiris tra la tuta kulturmondo, — ĝiajn grandajn utilojn por komerco kaj industrio, — la sukceson de la kvar kongresoj, — la riĉecon de la teĥnika vortaro de Esperanto kaj fine la jam tre ampleksan literaturon esperantistan. Kiel pruvon de la taŭgeco de nia lingvo por la traduko de literaturajoj, li legis la belegan poezion de Jan Van Beers «La Merlonesto», esperantigitan de nia amiko D[ro] W. Van der Biest.

Multe da lokaj eminentuloj kaj da Antverpenaj samideanoj ĉeestis la feston kaj tre interesiĝis pri la elokventa parolado de S^ro Finet.

Oni anoncas la baldaŭan starigadon de grupo en Hoboken kaj organizon de kurso.

**SALZINNES**. Antaŭ kelka tempo S^ro Abato Honincks, paroĥestro en La Plante, propagandis Esperanton antaŭ granda ĉeestantaro en Salzinnes apud Namuro.

Tuj post la brila kaj sukcesplena parolado de nia simpatia kunlaboranto oni starigis en Salzinnes esperantistan grupon kiu, kune kun la «Namura Stelo» fervore klopodos por triumfigi la genian kreitajon de Doktoro Zamenhof.

Oscar Van Schoor.



## Het Esperanto in den Vreemde

**Spanje.** — (V^e Congres van Esperanto (5-12 Sept.) Het feest, jaarlijks door de «Revuo» tijdens de congressen ingericht, zal ditmaal volgens Spaansche wijze den naam dragen van «Bloemenspelen» (Floraj Ludoj). Kostelijke prijzen over allerlei letterkundige onderwerpen worden uitgeloofd o.a. door het Comiteit van het Congres, het bestuur van «la Revuo», Z. Ex. den heer **Johano de la Cierva**, Minister van Binnenlandsche zaken, Mgr **Bennloch**, Bisschop van Barcelona, den heer Baron **de Bonet**, rector der Universiteit en het stedelijk bestuur van Vilasar. De prijs van **Belga Esperantisto** bestaat in een gesmeden rozentak, vervaardigd door den Antwerpschen kunstsmid Hansen; het gekozen onderwerp is eene plaatselijke legende van 5 bladzijden. In ons a. s. nummer zullen wij het volledig programma der «Floraj Ludoj» mededeelen. De handschriften worden vóór 1 Juni ingewacht op het bureel van «la Revuo», 79, Boulevard St Germain, Parijs.

— Naar het voorbeeld der congressen van Cambridge en Dresden worden te Barcelona lessen van Esperanto gegeven aan eene groep policieagenten.

— Na het congres zullen door de stad Valencia drijdaagsche feesten ingericht worden.

## L'Esperanto à l'Etranger

**ESPAGNE.** (V^e Congrès d'Esperanto (5-12 Sept.) La fête, que «la Revuo» organise annuellement à l'occasion des congrès, s'appellera cette fois ci d'après la mode espagnole, «jeux floraux» (Floraj Ludoj). Des prix de valeur pour toutes sortes de sujets littéraires sont alloués, entre autres par le Comité du Congrès, la direction de «la Revuo», S. Exc. M. **Johano de la Cierva**, Ministre de l'Intérieur, Mgr. **Bennloch** évêque de Barcelone, M. le Baron de **Bonet**, Recteur de l'Université et la municipalité de Vilasar. Le prix de **Belga Esperantisto** consiste en une branche de rosier en fer forgé, œuvre de l'artiste forgeron anversois Hansen; le sujet prescrit est une légende locale de 5 pages. Dans notre numéro prochain nous communiquerons le programme complet des «Floraj Ludoj». Les manuscrits doivent être envoyés avant le 1^r juin au bureau de «la Revuo», 79, Boulevard St Germain, Paris.

— A l'exemple des congrès de Cambridge et de Dresde il se donne à Barcelone des cours d'Esperanto à un groupe d'agents de police.

— La ville de Valence organisera des fêtes postcongressistes qui dureront trois jours.

